# BULTENO

DE

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

KAJ DE

# SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

(T. V.)

**N° 7. — Julio 1927.**

Tiu Bulteno estas sendata senpage al la membroj de I. S. A. E. kaj al la kunlaborantoj de la Sekcio de T. V.

**Unu numero :** *0,1 dolaro.* — **Jarabono :** *0,5 dolaro.*
(Vidu por **kotizo al I. S. A. E.** la trian paĝon de la kovrilo malsupre.




REDAKTEJO :

S-ro ROLLET DE L'ISLE
Ĝenerala Sekretario de I. S. A. E.

**35, Rue Du Sommerard**
**PARIS, France**

ABONEJO :

S-ro C. ROUSSEAU
Kasisto de I. S. A. E.

**4, Place de la République**
**LEVALLOIS-PERRET (Seine), France**

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(FONDITA EN 1906)

## PATRONADA KOMITATO

(en formado)

APPELL, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, honora rektoro de la Pariza Universitato.

DANIEL BERTHELOT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

BIGOURDAN, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Horo.

DESLANDRES, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Astronomifizika Observatorio.

GUILLAUME, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

JANET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Supera Lernejo de Elektro.

LALLEMAND, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, prezidanto de la Internacia Uniono de Geodezio kaj Geofiziko.

LUMIÈRE (LOUIS), membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

MESNAGER, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PAINLEVÉ, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

CH. RICHET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

EMIL SETÄLÄ, membro de la Finnlanda Scienca Akademio, ministro de la eksteraj aferoj.

J. J. STIELTJES, ĝenerala inspektoro de Nederlandaj Fervojoj kaj Tramvojoj, prezidanto de la « Koninklijk Instituut van Ingenieurs ».

VIKÁR, membro de la Hungara Akademio de Sciencoj.

## ANTAŬAJ PREZIDANTOJ

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PROFESORO SCHMIDT, direktoro de la Magneta Observatorio de Potsdam.

BENOIT, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

PROF. HUNTINGTON, de la Universitato de Harvard (U.S.A.).

J. J. THOMSON, profesoro de Fiziko de la Cambridge'a Universitato.

FORSTER, prezidanto de la Internacia Komitato de Pezoj kaj Mezuriloj.

COTTON, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

# BULTENO

DE

# Internacia Scienca Asocio Esperantista

N° 7. — JULIO 1927

## VIVO DE NIA ASOCIO

## NOMARO KAJ ADRESARO DE LA MEMBROJ

1° *Novaj membroj aliĝintaj de la 1-a de Marto 1927 ĝis la 1-a de Junio 1927*

**Ĉeĥoslovakujo**

**Barth** (F.), teknikisto, poste Ohniĉ, Tuchlou.

**Danujo**

**Jörgensen** (P.), Badstrup.

**Hispanujo**

**de Castro**, inĝeniero de Pontoj kaj Vojoj, Gijon.

**Italujo**

**Arabeno** (M.), via Crimea 8-24, Genova.
**de Grada** (G.), teknikisto, via A. M. Maragliano, Genova.
**Schumuckher** (A.), instruisto, Corso Torino 33-14, Genova.

**Jugoslavujo**

**Kellek** (K.), kapitano, 13 Dalmatinska, Zagreb.
**Markovic'** (D.), profesoro, Slav-Pozega.
**Mundweil** (F.), veterinara inspektoro, Priŝtinska, 87, Beograd.
**Susterŝiĉ** (A.), kontradmiralo, Karadjordjeva, 91, Beograd.

**Kuba**

**Ruiz** (A.), doktoro, apartado 1324, Habana.

**Rusujo**

**Poniŝevski** (P.), Pr. de 25 Oktobro, 112-50, Leningrad.

**Svedujo**

**Akerman** (N. Cr.), matematikisto, Beskowska Skolan, Stockholm.
**Linden** (Fr.), astronomo, Veksalagatan, 20, Uppsala.
**Petterson**, matematikisto, Varnamo.

2° *Ŝanĝoj de adreso*

**Hendricx** (V.), inĝeniero, 52, rue du Repos, Bruxelles (Belgujo).
**Wolff** (F.), Bismarckstrasse, 112, Charlottenburg (Germ.)

3° *Korektoj*

**Clegg**, el Usono, fariĝas aktiva dumviva.
**Wolff**, el Germanujo, fariĝas subtenanto.

Kun granda plezuro kaj danko ni akceptis proponon de nia nova membro S-ro *Paul Poniŝevski, Pr. de 25 oktobro, 112-50. Leningrad (U. S. S. R.)* plenumi taskon de **delegito** por Rusujo ; li ankaŭ sciigas ke S-ro *Fersman*, vic-prezidanto de la Akademio de Sciencoj de U. S. S. R. tre favore rilatas al Esperanto ; lia « Ĥemio de l'Universo » estas tradukita esperante, kaj eldonita de « Sennacieca Asocio Tutmonda » ; li certe akceptos fariĝi honora membro de nia Asocio.

## UNIVERSALA KONGRESO DE DANZIG

(Julio-Aŭgusto 1927)

Ĝenerala Kunsido de la Asocio okazos la *Vendredon 29-an de Julio, kaj, se bezone, la Mardon 2-an de Aŭgusto, je la 15-a.*

La programo de tiuj kunsidoj estas :

1e *Raporto de la ĝenerala sekretario* pri la vivo kaj agado de la Asocio dum la pasinta jaro (Julio 1926-Julio 1927) ;

2e *Raporto de la sekretario-kasisto* pri la financa situacio de la 1-a de Junio 1926 ĝis la 1-a de Junio 1927 ;

3e *Raporto pri la Sekcio de Teknikaj Vortaroj ;*

4e *Diversaj temoj.*

Ni donas ĉi-poste tiujn dokumentojn, krom la Raporto pri la Sekcio de Teknikaj Vortaroj, kiu estos publikita en venonta Bulteno, sed estos legata dum la kunsido.

La kunsidoj estos prezidataj de nia nuna prezidanto P-ro *O. Bujwid.*

### Elekto de Komitatanoj

En la antaŭa Bulteno ni sciigis, ke, laŭ la statutoj, kvar membroj (S-roj *Bujwid, Inglada, Isbrücker* kaj *Rousseau*), estas anstataŭeblaj kaj ni petis niajn kolegojn, ke ili al ni konigu antaŭ la 1-a de Junio la membrojn, kiujn ili proponas por tiuj postenoj. Ĉar ni ricevis neniun proponon, ni opinias, ke unuanime niaj kolegoj deziras konservi la nunajn komitatanojn ; sekve estas neutile voĉdonigi pri tiuj ŝanĝoj, kaj pri la estraro en la komitato, kiu dum la venonta jaro restos la nuna.

## Diversaj temoj

Ni ne ricevis proponojn pri temoj diskutotaj en la kunsidoj; se ne aperas aliaj proponoj dum la kunsidoj, la ĉeestantoj povus diskutadi pri la sekvantaj demandoj:

1e Dezirindaj agadoj de niaj membroj en la **internaciaj kongresoj.** Je tiu vidpunkto, nia agema prezidanto P-ro *Bujwid* povos konigi rezultatojn de eksperimento, kiun li ĵus faris dum la Internacia Kongreso de Higieno en Parizo, kaj dum la Internacia Konferenco de Milita Medicino en Varsovio. Ŝajnas utila, ke ni eldonu propagandilojn pri Esperanto kaj nia Asocio, disdonotajn (kun la verdaj folietoj jam haveblaj de la Centra Komitato de Ĝenevo) en ĉiuj internaciaj kongresoj, eĉ se ilin esperantisto ne partoprenas; kaj afiŝojn algluotajn en la sidejo kaj akceptejo de la kongreso, ĉar disvastiĝado de nia lingvo dependas evidente de la kono de ĝia ekzistado, kaj multaj interesatuloj nenion scias ankoraŭ pri ĝi.

Tre interesa sekve estas studado de aplikado de la modernaj metodoj de reklamo al Esperanto; kaj tiu studado apartenas al la programo de nia Asocio, ĉar reklamado nun fariĝas tre grava teknika fako en ĉiuj landoj.

Unu el tiuj metodoj estas uzo de *devizo* (angle *slogan*), kiu ĉiam kaj ĉie akompanas la nomon de la aĵo, temo de la reklamo. Tiu devizo devas esti mallonga kaj tamen konigi sufiĉe klare la ecojn de la aĵo. La plej facila kaj efika uzado de tiaj devizoj estas montri ilin sur la kovertoj de leteroj aŭ presaĵoj; oni tion povas fari per ŝtampilo, sed estas pli malkare uzi glumarkojn.

Koncerne Esperanton la devizo devas montri ĝian celon kaj ĝian facilecon, kaj esti redaktata en la nacia lingvo de la lando, ĉe kiu vojaĝas la koverto. Por tiuj, kiuj vojaĝos eksterlanden, oni uzos glumarkojn redaktitajn en la lingvo de la sendanto kaj de la ricevonto.

Estus dezirinde, ke la naciaj societoj de propagando presigu, ĉiu en sia nacia lingvo, tiujn glumarkojn, ĉar ili devus esti uzataj de ĉiuj samideanoj kaj ne nur de la membroj de nia Asocio; sed laŭbezone, ni povus komenci eldonon en kelkaj lingvoj kaj disdoni ilin al niaj membroj.

Elekto de la devizo devas esti zorge studata; ni proponas la sekvantan, kies tradukoj en naciajn lingvojn estos certe facile kompreneblaj:

**« Uzu nur la tre facilan lingvon ESPERANTO por viaj internaciaj interrilatoj. »**

Franclingve oni povos aranĝi tiamaniere la glumarkon :

**N'EMPLOYEZ QUE L'ESPERANTO**

LANGUE TRÈS FACILE

**DANS VOS RELATIONS INTERNATIONALES**

2^e^ Tre interesa temo por diskutado estos ankaŭ la nuna stato de *Scienca Kooperado per la tradukoj de gravaj sciencaj verkoj en la diversajn naciajn lingvojn*. Laŭ la ĝis nun kolektitaj sciigoj, neniu tia studado estas ĝis nun entreprenita, kaj efektive ne facila estas kolekti la dokumentojn, ĉefe el la nacioj, kies lingvo estas ĝis nun malmulte disvastiĝita. Dank' al Esperanto, kontraŭe, tiu enketo estas plifaciligata, se niaj membroj en tiuj landoj bonvolas kunlaboradi. Ne temas pri detala katalogo, kiu estus tro vasta, sed pri karakterizaj aspektoj de tiu movado laŭ la epokoj, de la momento kiam tiuj nacioj komencis atenti pri la alinaciaj sciencaj verkoj ĝis nun. Samtempe oni donos detalojn pri la maniero laŭ kiu, en la lernejoj, la studentoj estas instruataj pri la alinaciaj sciencaj progresoj, en kiuj lingvoj krom la nacia, k. t. p.

Oni komprenas la celon de tiu studado ; ĝi estas montri per konkretaj pruvoj la grandecon de la servoj fareblaj de Esperanto, kaj, por tiel diri, taksi, laŭ precizaj nombroj, la tempon, la monon kaj la laboron, kiujn ŝparigos uzo de nia lingvo.

## Dumkongresaj kaj postkongresaj vizitoj

Dank' al agado de nia prezidanto P-ro *Bujwid*, **vizitoj de teknikejoj** en *Danzig* kaj *Varsovio* okazos dum kaj post la kongreso, laŭ programo publikigota komence de tiu kongreso. De nun oni povas antaŭvidi viziton, en Varsovio, de kelkaj historiaj vidindaĵoj, ekz. palaco de pola reĝo *Sobieski* en *Wilanow*, muzeoj kaj kelkaj novaj konstruaĵoj : ponto de *Poniatowski*, suburba tunelo, akvokondukilo kun novaj filtroj, kelkaj fabrikejoj. Oni ankaŭ povos viziti Krakovon kaj ĝiajn historiajn monumentojn, salminejon en *Wieliczka*, azotaĵfabrikon en *Chorzow* (2 horoj de Krakovo) kaj karbominejon

en *Krolewska Huta* (ambaŭ en Silezio) ; ankaŭ kelkajn ferfondejojn.

Vizitindaj estas, je dek horoj de Krakovo, *Borystav* kun petrolminejoj kaj parafinminejoj, banejoj kaj klimatikaj stacioj *Zakopane* kaj *Tatraj* montoj, *Kvynica, Sczawnica, Rabka, Zegicstow, Iwonicz, Rymanow,* belegaj kuracejoj, por kiuj oni bezonos kelkajn tagojn aŭ unu semajnon.

Pri detaloj la samideanoj interesiĝantaj bonvolu turni sin al nia prezidanto.

## Raporto pri la vivo kaj agado de la Asocio

### dum la jaro 1926-1927

1. — *Vivo de la Asocio*

*Membroj.* — La nombro de niaj membroj estas je la 1-a de Junio 1927 :

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Aktivaj membroj : | 222 | Tuto : 270 | Dumvivaj : | 2 |
| Subtenantaj membroj : | 48 | | — | 7 |

La antaŭan jaron, la nombro de niaj membroj estis 230; kelkaj el ili ne pagis ankoraŭ sian kotizon por 1927 : tamen ni konservis ilian nomon sur la listo, ĉar certe ili revenos al ni plimalpli baldaŭ. Niaj membroj apartenas al 32 landoj.

*Naciaj delegitoj.* — Neniu ŝanĝo en nia listo, krom aldono de delegito por Rusujo, S-ro *Poniŝevski.* Estus dezirinde, ke ni trovu delegitojn en aliaj landoj ; speciale menciinde estas aktiveco de nia delegito en Jugoslavujo : « Sudslava Esperanto-Servo » en Zagreb, kiu varbis sep membrojn.

*Honoraj membroj.* — De nove ni petas niajn kolegojn sciigi al la ĝenerala sekretario la nomojn de la sciencistoj kaj teknikistoj eminentuloj, kiuj akceptus fariĝi honoraj membroj.

*Bulteno.* — Sep numeroj de la Bulteno estis publikigataj. Estus dezirinde pligrandigi ĝin per publikigado de verkoj pri diversaj temoj de ĝenerala intereso ; bedaŭrinde niaj financaj rimedoj ĝis nun tion ne ebligis. Tamen, laŭ tiuj limoj nun trudataj, ni petas niajn kolegojn konigi al ni iliajn ideojn pri aranĝo de tiu perioda publikigaĵo.

2. — *Agado de nia Asocio*

Pri agado de nia Asocio, oni trovis ĉiujn detalojn en la diversaj numeroj de nia Bulteno. Oni konstatos, ke ĝi estis direktata ĉefe al la internaciaj kongresoj kaj al la publikigado de esperantaj resumoj en la teknikaj kaj sciencaj periodaĵoj.

Sufiĉe granda sukceso estis atingata laŭ tiu lasta direkto, ĉar de nun ĉirkaŭ dudek revuoj akceptis nian proponon; tio estas nur malgranda komenco; tamen ĝi estas interesa, ĉar ĝi montras, ke neniu praktika baro malhelpas plenumadon de tiu rimedo, kiam redaktoro tion deziras; kaj ni povos uzi tiun argumenton por decidigi aliajn.

## Raporto pri la Financa stato de la Asocio

Kiel montrite sur Bulteno N° 3 (1-VII-1926) restis en la kaso de la Asocio, je la 1-a de Junio 1926 sumo de 8.984,00 francaj frankoj. Dum la 12 monatoj pasintaj depost tiu epoko, la kasisto :

| | | |
|---|---|---|
| *Enspezis :* Diversajn kotizaĵojn por 1926, por 1927, + 2 por 1928, entute . . . . . . . . . | | 6.165 55 |
| *Elspezis :* | | |
| Por 4 Bultenoj . . . . . . . . . . | 2.585 20 | |
| Por aliaj presaĵoj (aeronaŭtiko, k. t. p.) . | 358 30 | |
| Por afranko, poŝtmarkoj . . . . . . . | 1.048 60 | |
| Por oficejaj elspezoj . . . . . . . . | 249 65 | |
| | | 4.241 75 |
| Diferenco . . . . . . | | 1.923 80 |
| Plus, enkaso je 1-a de Junio 1926 . . . . . . . | | 8.984 » |
| Sumo . . . . | | 10.907 80 |
| Al tiu bonhavo, oni devas aldoni : | | |
| Debetan saldon de U. E. A. (Ĝenevo) . . | 62 50 | |
| — — de Sudslava-Esp.-Servo . | 176 05 | |
| | | 238 55 |
| Sume (francaj frankoj) . . | | 11.146 35 |

*Rimarko :* La duono de tiu sumo devenas de la malavara monofero de 10 *dumvivaj* anoj, ĝis nun enskribitaj en nia Asocio (5.760 fr. 50).

# PROGRESOJ

La 31-an de Marto okazis en Parizo, ĉe la **Internacia Ligo de Aviadistoj**, la unua kurso de Esperanto, gvidata de P-ro *Cart*. Tiu tre grava Ligo, fondita en Majo 1926 de S-ro *Clifford B. Harmon*, usona fervora aviadisto, entenas multajn famajn aviadistojn de diversaj nacioj.

S-ro *Archdeacon* komencos baldaŭ ankaŭ kurson ĉe la **Ligue Nationale Aérienne** (Franca Aeronaŭtika Ligo), tre grava kaj multenombra Asocio, de la aeronaŭtikemuloj.

Tiuj du impresigaj faktoj — kune kun la decido, pri kiu ni raportis en nia antaŭa bulteno, de la direktoro de la pola militista aeronaŭtiko — montras, ke la aviadistoj fine komprenis taŭgecon de nia lingvo, por ilia fako; kaj ĉar ili ĉie interesigas la popolojn, neniu propagandilo povas esti pli fruktodona, se ni scias utiligi ĝin.

Per dekreto de 21 Marto al la akto G. D. 607-1927, S-ro **Ministro de l' Trafiko de Jugoslavujo** bonvolis aprobi, ke en ĉiuj vagonoj de l' jugoslavuja fervojaro, destinitaj por internacia trafiko, sur oficialaj afiŝoj kaj avizoj, Esperanto estos aplikata apud la aliaj lingvoj ĝis nun uzitaj.

Niaj membroj utiligu, por propagando en la samfakaj rondoj, tiun grandan sukceson, kaj sendu al la « Centra Komitato, 12, boulevard du Théâtre, Genève », eltranĉaĵojn de la gazetoj, en kiuj ili sukcesos publikigi tiun sciigon.

La **Ŝtata Scienca Metodologia Komitato**, ĉe la Popola komisario por klerigo de l' Ukraina Socialista Sovet-Respubliko, eldonas resumfolion : *La vojo de Klerigo*, aldone al sia nacilingva samnoma organo. La resumfolio estas senpage dissendata al ĉiuj interesatoj, petintaj ĝin de la redakcio : *Ĥarkov, Ukrainio, U. S. S. R. Spartakovski per. 3*.

Al la gazetoj, kiuj publikigas tiajn resumojn kaj kies listo aperis en la lasta numero de tiu Bulteno, estas aldonotaj : *La Stenografia belga Revuo (Duployé)*, la *Réforme alimentaire*, vegetarana belga revuo, la monata revuo *Radio*

*Lubitel (Radio Amatoro),* eldonata en Moskvo, kaj la nova revuo *das Scharfe Auge,* (La Akra Okulo), eldonata en *Eitorf A. S.* (Germanujo).

Je tiu sama vidpunkto, ni denove altiras atenton al la peto jam konigata en la lasta numero de tiu Bulteno, subteni publikigadon de aldono faritan, dank' al nia kolego *Sirk,* de la fama revuo **Gerlands Beiträge zur Geophysik.** Efektive la eldonejo intencas daŭrigi la eldonon nur ĝis Oktobro, kaj definitive forlasi ĝin, se tiam aldono ne estos ricevinta la necesan subtenon. Eble oni povus abonigi al la tuta gazeto, kelkajn institutojn, sub la kondiĉo, ke aldono estu daŭrigata. (Skribu al nia kolego *Sirk, 26 Baumgasse, Wien III,* Aŭstrujo).

En sia kunveno de la 11-13 majo en *Lausanne* (Svisujo) la **Internacia Unio de Radiofonio,** unuanime akceptis la sekvantan rezolucion, laŭ la propono de la stacio Radio-Genève :

« La Internacia Unio de Radiofonio rekomendas al la « stacioj fari provon pri regulaj dissendoj en Esperanto unu- « foje en semajno dum 10-15 minutoj, por anonci al mal- « proksima aŭskultantaro la ĉefajn punktojn de sia semajna « programo aŭ por konigi al ĝi okazintaĵojn artistan, inte- « lektan aŭ ekonomian de sia nacia vivo.

« Ĝi samtempe rekomendas al ili anoncigi sian stacion « unufoje ĉiutage en Esperanto okaze de siaj vesper-pro- « gramoj ».

Speciala komisiono por alproksimigo intelekta kaj artista estas komisiita doni al la stacioj ĉiujn necesajn direktivojn por realigo de la decido.

Estas dezirinde, ke la samideanoj gvidantoj en radiosfero tuj entreprenu la necesan paŝon ĉe ĉiuj stacioj kaj ĉefe tie, kie oni ankoraŭ ne disaŭdigas en Esperanto. La deziresprimo validas por ĉiuj membroj-stacioj de la Unio.

Nia kolego P-ro *Dejean* sciigas ke, sekve de parolado, kiun li faris en tiu asocio, la **Radio-Club Dauphinois** organizis esperantistan sekcion. Tiu sekcio tuj komencis kurson de Esperanto kun 30 lernantoj.

En la numero de Januaro 1927 de **la Vegetarano**, la redaktejo sciigas, ke tiu revuo fariĝas oficiala organo de la « Internacia Vegetara Uniono ». La sekretario diras : « Oni elspezas « multe da tempo kaj de mono uzante diversajn lingvojn. « Mi proponas uzi nur du lingvojn : anglan kaj esperantan. « Se dokumentoj estas sendataj aŭ legataj en aliaj lingvoj, « ili estos tradukataj nur en Esperanto... ».

## SCIIGOJ

**Profesoro Daniel Berthelot,** membro de la patronada komitato de nia Asocio, mortis en Parizo, la 8-an de Marto 1927. Esperanto perdas grandan kaj fervoran amikon (li sufiĉe bone parolis nian lingvon) kaj nia Asocio helpanton, kiu al ni neniam rifuzis publikan apogon. Oni memoras, ke li faris paroladon en la solena kunsido, kiu malfermis la Internacian Esperantistan Sciencan Konferencon, okazintan en Parizo, en Majo 1925, sub prezidanteco de P-ro *Ch. Richet,* alia fidela esperantisto.

Naskita en la jaro 1865, li estis unu el la filoj de la fama ĥemiisto *Marcelin Berthelot,* kiu, la unua, realigis sintezon de alkoholo kaj, per tiu eltrovo, malfermis vojon netakseble fruktodonan al scienco kaj industrio. Li estis membro de la Franca Akademio de Sciencoj, de 1919, kaj de la Medicina Akademio, de 1914. Li estis fama en la tuta mondo pro siaj laboradoj pri la agado de la lumo sur la materio kaj la vivantuloj. Li estis rimarkinda oratoro kaj liaj paroloj en la kunsido de la Sorbono, pri kiu ni ĵus parolis, grave impresis la multenombrajn ĉeestantojn.

Esperantistoj memoru danke pri unu el tiuj tiel malmultenombraj homoj, kiuj, okupantaj gravan kaj tutmonde ŝatatan situacion, kuraĝas montri ilian fidon al ideo, kiun, ankoraŭ nun, multaj konsideras kiel utopion, kaj ne indan interesigi seriozajn personojn.

---

Jam famaj pedagogoj rekomendis instruadon de **Geografio per Esperanto** ; kiel aplikado de tiu metodo, la firmo *Hirth & Sohn, Leipzig* publikigas *Aŭstralio, Lando kaj Popolo* (I. E. S.).

Dum la Brazila Kongreso de Geografio, kiu okazis en *Victoria* (Brazilo), D-ro *José A. Boiteux*, reprezentanto de la ministro de Publikaj Laboroj kaj de la prezidanto de ŝtato *S. Catharina*, prezentis proponon por Esperanto, kiu estis unuanime aprobata.

Kiel ni sciigis, en la tria numero de nia Bulteno (paĝo 13), laŭ informo de nia komitatano P-ro *Stromboli*, okazos tiun ĉi jaron en *Côme* kaj Romo (Italujo), okaze de la 100-a datreveno de la genia **Alessandro Volta,** diversaj internaciaj kongresoj. Inter la membroj de la Franca Akademio de Sciencoj, kiuj reprezentos tiun Akademion ĉe la Internacia Kongreso de Fiziko, estos nia komitatano S-ro P-ro *Cotton*.

Estis fondata **Bankfaka Esperanto Asocio Tutmonda** *Güntzelstrasse 31, Berlin Wilmersdorf* (Germanujo), kies celo estas unuiĝi samideanojn bankfakanojn por propagandi Esperanton en bankaj rondoj kaj progresigi banksciencon pere de Esperanto. (Kotizo sv. Fr. 2 aŭ samvalora pojare). Unua kunsido okazos dum la Universala Kongreso ĉe Danzig.

Nova sistemo de **Internacionalstenografio** ĵus publikigis S-ro *F. de Kunovski*; broŝuro klariganta la « korespondan skribon », t. e. sistemon ebligantan rapide skribi, kies legebleco estas la sama kiel tiu de la longa skribo, estis reviziita de la prezidanto de la grupo Potsdam de la germana Esperanto-Asocio (Eldonejo Instituto de Internacionalstenografio, Essen-Ruhr, Lübeckerstrasse, 63 (Germanujo).

La **Real Academia de Ciencas, Bellas letras y Nobles Artes de Cordoba** atente sekvas nian movadon kaj profitas ĉiujn okazojn por propagandi nian lingvon en sciencaj rondoj. Pro tio, la unuan de Marto 1927, ĝi sendis al la *Tutsovetunia Akademio de Sciencoj en Leningrad* (Rusujo), noton pri sia agado por Esperanto. El tiu dokumento rezultas, ke la Akademio de *Cordoba* sendis reprezentanton al la esperantista hispana kongreso de 1925 ; same ĝi faris la lastan jaron en *Madrid ;* ĝi publikigis, en sia Bulteno, plenan raporton de sia delegito, P-ro *Inglada,* al la Konferenco pri uzado de Esperanto en sciencoj puraj kaj aplikataj, Parizo 1925 ; nun ĝi publikigas, en sia Bulteno, terminaron

universalan de arĥitekturo, verkitan de nia kolego *Francisko Azorin*, kun la esperantaj vortoj ; okaze de la lasta internacia Kongreso de Geodezio kaj Geofiziko, en Madrid 1926, inĝeniero *A. Carbonell*, membro de la Akademio kaj kongresestro por Suda Hispanujo, eldonis resumojn pri la okazintaj ekskursoj en diversaj lingvoj ; inter ili estis Esperanto. Fine kelkaj membroj de la Akademio estas ankaŭ membroj de la esperantista grupo de *Cordoba*.

Samideano *Paul Neergaard*, *Kastelsvej 21*, *Kobenhaven O*. (Danujo), publikigas alvokon al ĉiuj legom-florĝarden-kulturistoj, ĝarden-arĥitektoj, plantistoj, k. t. p., por fondi **Internacian ĝardenistan asocion** kun Esperanto kiel internacia lingvo. Li diras : « ... La plej granda parto de la ĝarden-
« istaro estas homoj ne havintaj la okazon por studi fremdajn
« lingvojn. Tial ili devas kontentiĝi per tiuj informoj, kiujn
« deziras enpresigi en la naciajn fakgazetojn kaj faklibrojn
« la malmultaj lingvuloj-samfakanoj : tiu manko estus forigata.
« Ankaŭ la internacia komerco, je kiu ofte devas partopreni
« la ĝardenisto-nelingvulo, profitus de tia Asocio ; kaj vojaĝ-
« antaj ĝardenistoj, precipe junaj studantoj, estus multe
« helpataj, ĉar en la diversaj landoj, ili povus, per la Asocio,
« renkonti samfakanojn, kiuj parolas Esperanton... »

En 1913 okazis **Mondkongreso de Zoologoj** en *Monaco*. Tie estis decidata, ke la deka kongreso okazos en 1916 en *Budapest*. Pro la milito kaj ĝiaj sekvoj, nur nun povas kunveni la zoologoj kaj oni jam dissendis la invitojn al ĉiuj zoologoj kaj bestamantoj de la mondo. La kongreso okazos de la *4-a ĝis la 9-a de Septembro*, sub protektado de la internacia misio de biologiaj sciencoj. Se venus sufiĉe multenombraj esperantistoj, oni povus aranĝi apartan fakkunsidon esperantan, kaj plie uzi nian lingvon dum la kongreso. La membroj de nia Asocio, kiuj interesiĝas pri tiu afero, turnu sin al nia hungara delegito *P. Balkányi*, *Hajós utca*, *15 II*, *Budapest VI*, kaj informu la Internacian Komitaton de la Esperanta Movado, 12, boulevard du Théâtre, Genève.

P-ro *Ch. Richet* ricevis de lia eminenta kolego de la Franca Scienca Akademio, P-ro *Lacroix*, sendita en Japanujon por reprezenti tiun Akademion ĉe la panpacifika kon-

greso, okazinta dum la monato de Novembro 1926, la sekvantan leteron : « ... Mi skribas al vi ĉe la tablo de hotelo, kie mi trovas je mia sidloko ĉi tiun menuon... Mi pensas, ke estos agrable al vi vidi tiun **esperantan menuon,** neniel similantan al tiuj listoj, japane skribitaj de manĝaĵoj, japane preparitaj, kiujn ni manĝas per vergetoj en la plejmulto de la hoteloj kaj en ĉiuj gastejoj de tiu ĉi bela lando ». Jen kopio de la esperanta menuo : « Frutagmanĝo : Supo de Verdaj Pizoj, Banderoloj de Soleo en Popraketo, Bovlango kun Fungoj, Kokidino Rostita, Terpomoj Pistaĵaj, Spinaco, Brasika salato, Persika Kremo, Postmanĝaĵo, Maltkafo ». (Laŭ *La Movado*).

En la numero de Februaro 1927 de **Revuo Orienta,** publikigita, kiel oni scias, en Tokio, troviĝas geometria problemo klarigata japane kaj esperante. Ĝi estas : « Kiam triangulo « havas du laterojn neegallongajn, la interna duoniganto de « unu angulo, kiu sidas kontraŭ la pli longa el ambaŭ « lateroj estas pli mallonga al la interna duoniganto de « l' alia angulo, kiu sidas kontraŭ la pli mallonga latero ».

*L. Dederichs, Sallstr. 124, Hannover,* serĉas en ĉiuj landoj esperantistojn, kiuj estas kapablaj verki aŭ traduki artikolojn pri sciencoj kaj aliaj temoj.

Holanda Esperanto Pioniro (Jan.-Febr. 1927), liveras detalojn pri la **Universala spesmila banko** (*Laren*, Holando), kiu kreis *spesmilajn valorbiletojn kaj valormarkojn* per kiuj estas nun ebla, sen kurzperdo kaj sen kosto, pago de malgrandaj sumoj tra la tuta mondo. La spesmila sistemo estis multe uzata kaj elprovata de 1907 ĝis la milito.

Vendredon 20-an de Majo okazis ĉe la Sorbono, en Parizo, kunsido organizita de la ĵus fondita **Radio-Klubo esperantista de Francujo,** prezidata de S-ro *Lallemand*, membro de la franca Akademio de Sciencoj. En tiu kunsido nia samideano D-ro *Corret* parolis pri « Esperanto por servo al T. S. F. », kaj nia kolego P-ro *Mesny* pri la « Tre mallongaj ondoj ». La ĉeestantoj estis multenombraj kaj certe impresigataj.

# SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

La 12-an de Majo la direktoro de la Sekcio sendis al ĉiuj fakestroj cirkuleron petantan de ili sciigojn pri la farita laborado dum la pasinta jaro, por redaktado de sia Raporto al la Akademio. Kiel kutime, ni publikigos tiun Raporton.

Ni ricevis de nia kolego D-ro *J. Hanauer (Berlin)* raporton pri la **organizo de la vortara laboro,** kiun li intencis prezenti al la Kongreso de *Danzig*; ĉar li ne ĉeestos tiun kongreson, lia verko estos legata dum la kunsido de nia Asocio, kaj diskutata de la ĉeestantoj; tie ĉi sube ni donas ĝin.

1. — La problemo de la vortaroj estas tute malsama por Esperanto kaj por la ceteraj « naturaj » lingvoj : la esprimoj ekzistas jam formitaj en la naturaj lingvoj, la « vivantaj », por ĉiuj ideoj kaj objektoj. Por kunmeti vortarojn oni devas nur zorgeme serĉi la diverslingvajn esprimojn por la sama ideo aŭ objekto; sed, por Esperanto, oni devas elpensi la respektivajn vortojn kaj internacie fiksi, oficiale rekonigi per nia Esperanta Akademio.

2. — Ĉar ni estas ĝenerale liberaj rilate al vortoj ne jam ekzistantaj en la oficiala vortaro, povas okazi — ne nur sed efektive okazis — ke en diversaj landoj estas elpensataj kaj publikigataj malsamaj vortoj por la sama ideo (tio ĉi estus la pli malgranda malfeliĉo), sed aliflanke la samaj vortoj por malsama ideo (kio estus pli granda malfeliĉo).

Pli science esprimita, kiel mi jam diversfoje akcentis : « Oni evitu ne nur la homonimojn, sed ankaŭ la sinonimojn ! » Tiamaniere oni povas esperi al Esperanto la pliklarigon de la esprimaro, absolute necesan por la estonto de nia scienco, komerco kaj ekonomio internaciaj. Oni permesu al mi citi tie ĉi interesplenan ekzemplon, kiun mi trovis antaŭ mallonga tempo : la foira oficejo (Messe-Amt) en Köln publikigis broŝuron pri mezura metodo (Mess-Verfahren) tiamaniere, ke la bibliografa titolo enhavis dufoje la saman radikon « Mess » germanlingvan, kiel oni vidas en tute diversaj sencoj !

3. — Por efektivigi la diritajn, sendube gravajn eĉ fundamentajn postulojn, oni bezonas ian centran oficejon, kiu sola rajtas publikigi vortarojn. Ĉar la rilatoj inter la sciencoj unuflanke, kaj la rilatoj inter la naturaj sciencoj kaj la tekniko aliflanke, kaj denove la rilatoj inter certaj partoj de la tekniko kaj la ekonomio estas tiel multnombraj, ke la prilaboranto de ekzemple fizika vortaro bezonas multajn esprimojn apartenantajn ankaŭ al la matematiko kaj aliflanke al la tekniko ; simile la komerc-vortaro enhavas multajn esprimojn apartenantajn samtempe al la tekniko. Necese la esprimo por la elektra kuranto devas esti same elektra kuranto en la fiziko kaj en la elektro-tekniko ; la esprimo por pakmaterialo kaj paklaboro, la sama en la teknika kaj en la komerca vortaro. Kiel mi jam antaŭ jaroj diris aŭ skribis, ni bezonas por la esperantaj vortaroj bone pripensitan metodon ; kompare kun tiu ĉi problemo la elekto de unu aŭ alia vortradiko ludas tre modestan rolon — laŭ mia modesto opinio. Do se ni ne havus tiun ĉi metodon, ni devus elpensi ĝin. Sed feliĉe ni havas metodon, dank' al la senlaca laboro de nia altestimata S-ro Generalo *Sebert* kaj speciale de S-roj *La Fontaine* kaj *Otlet* en Bruselo — cetere ambaŭ sinceraj Esperantistoj. Tiu ĉi metodo estas konata kiel **Decimala Klasigo,** sed la decimaleco laŭ mia opinio ne estas la forto, sed la unueco kaj la universala apliko, kiujn gajnos la decimala klasigo, eble malrapide, sed des pli certe. La decimala klasigo estas granda sistemo por la ordigo de la ideoj aŭ sciencaĵoj. Elpensita originale de S-ro *Melvil Dewey* en *New-York,* ĝi kontentiĝis ĝenerale per dek au malpli partoj, por ebligi la « stenografecan » reprezentadon per ciferoj, iloj de presigo disponeblaj en — oni povas diri — ĉiuj presejoj de la mondo. Certe multaj, sed bedaŭrinde ne ĉiuj legantoj konas la verdan broŝuron, eldonitan antaŭ multaj jaroj de nia « Centra Esperantista Oficejo », kaj limigatan al la klasigo de esperantaĵoj. Tial oni permesu al mi kelkajn detalojn. Signifas : 0 ĝeneralaĵojn, inter ili bibliografion kaj bibliotekonomion ; 1 filozofion ; 2 religion ; 3 sociajn sciencojn ; 4 lingvan sciencon ; 5 naturajn sciencojn ; 6 medicinajn kaj teknikajn sciencojn ; 7 arton ; 8 literaturaĵojn (belan literaturon) ; 9 historion kaj geografion.

Por konigi la partojn de la respektivaj ideoj kaj sciencoj,

oni dividas kaj ciferumas laŭ la sekvanta ekzemplo : 61 medicino, 62 inĝenieraj scienco kaj arto, 63 agrikulturo, 64 doma ekonomio ktp. Laŭ bezone oni ripetas la saman metodon, laŭ kiu oni alvenas al 621.3 elektrotekniko, 621.312.1 elektra generatoro por konstanta kuranto. Kompreneble la propra laboro pri vortaroj estos farata de la specialistoj en la malnova kaj la nova parto de la mondo : sed centra oficejo devas prigardi per ampleksa alfabeta registro la foreston kaj, se necesa estas, la forigon de la homonimoj unue kaj due de la sinonimoj ; mi speciale akcentas, ke la de mi proponita metodo laŭsence estas uzata de S-ro *Schlomann* por liaj tre konataj kaj tre disvastigitaj I. T. V. (ilustritaj teknikaj vortaroj) ; sed li havas propran sistemon, kaj mi proponas uzi kaj plilarĝigi la Bruselan decimalan klasigon tuj por la sciencoj ne jam prilaborataj de Schlomann.

Nova sperto igas min denove atentigi la samideanojn je la granda graveco de la vortaroj : la ĉiam kreskantaj internaciaj rilatoj precipe komercaj, sed ankaŭ la aliaj, postulas grandan klarecon de la esprimoj en la kontraktoj.

Jen la konkludo de nia kolego D-ro Hanauer :

« ... Konklude... la esperanta esprimo kaj difino devas esti la fundamento ; poste oni devas zorgeme enordigi ĉiun esprimon en la decimala sistemo ; ... ĉi tiu metodo estas la sola unuflanke sukceson promesanta, aliflanke ĵusta, neŭtrala. Multaj teknikaj esprimoj ja ekzistas en la « vivantaj lingvoj », en Esperanto nur relative malmultaj ; tio ĉi estas granda por la rolo de Esperanto, grava diferenco, kiu, per la espereble kritikinda kaj kritikota metodo, povas fari grandajn servojn, ĝis nun ne sufiĉe priparolatajn, al la tuta homara kulturo. Kompreneble oni uzos, por la klareco, ĉiajn helpilojn konatajn, kiel la matematikajn formulojn kaj grafikajn desegnaĵojn. Antaŭ la oficialigo de la Esperantaj esprimoj ŝajnas al mi nesignifa la aldono de esperanta registro en iu ajn adresaro (Mosse-Bottin) ».

Centra Presejo Esperantista (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris — Le Gérant : ROLLET DE L'ISLE.

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

## STATUTOJ

1. — La Asocio celas propagandi kaj apliki la internacian helplingvon Esperanto en la sciencaj kaj teknikaj rondoj kaj faciligi ĝian uzadon per ĉiuj rimedoj.

2. — Fariĝas Asocianoj la personoj akceptitaj de la Komitato.

3. — La Asocianoj konsistas el honoraj kaj aktivaj membroj. La aktivaj membroj entenas :

*a)* personojn ;

*b)* societojn kaj korporaciojn.

4. — La honoraj membroj estas elektataj de la Komitato kaj pagas neniun kotizon.

5. — Ĉiuj aktivaj membroj pagintaj la kotizon rajtas voĉdoni pri ĉiu demando.

6. — La Asocion administras Komitato konsistanta el 6—10 membroj elektitaj por du jaroj kaj anstataŭeblaj poduone ĉiudujare.

7. — La Komitato elektas estraron konsistantan el prezidanto, vic-prezidanto, ĝenerala sekretario, sekretario-kasisto.

8. — Ŝanĝoj en la statutoj povas esti decidataj nur se la du trionoj de la Asocianoj akceptas ilin per voĉdono ; sama nombro (2/3 de la Asocianoj) same estas necesa por decidi pri la finigo de la Asocio, kaj pri la uzo de la kapitalo restanta.

9. — La Asocio kuniĝas ĉiujare en ĝenerala kunsido. La decidoj alprenitaj de la ĉeestantoj estas konigataj al ĉiuj membroj ; tiuj decidoj estas aplikataj, se ne estas ricevita plimulto da kontraŭdiroj, dum la sekvantaj 3 monatoj.

### FAKAJ SEKCIOJ

10. — Se almenaŭ dek samfakistaj membroj tion proponas al la Komitato, faka sekcio povas esti fondata ; ĝia tasko estas propagandi kaj apliki Esperanton en ĝia speciala rondo.

11. — Faka sekcio povas havi estraron, regularon, bultenon kaj specialan kotizon krom tiuj de la Asocio, sed nur post aprobo de la Komitato.

12. — Faka sekcio kuniĝas almenaŭ unufojon jare.

### FINANCOJ KAJ KOTIZOJ

13. — La kotizo estas fiksita ĉiujare de la Komitato. (1)

14. — La Sekretario-kasisto prezentas ĉiujare raporton pri la financa stato de la Asocio, por aprobo de la ĝenerala kunveno.

---

(1) **Aktiva subtenanta membro** ; jara kotizo : 2,5 dolaroj ; dumviva kotizo : 40 dol.
**Aktiva membro** : jara kotizo : 0,5 dolaro ; dumviva kotizo : 10 dol.
**Societoj kaj Korporacioj** ; jara kotizo minimume 5 dol. ; 20-jara kotizo : 75 dol.
(Oni povas pagi la dumvivajn kotizojn per partaj monsumoj.)

**KOTIZOJ** sendotaj al la kasisto **S-ro Rousseau, 4, place de la République, Levallois-Perret (Seine), France.** Por la Francoj : Poŝta ĉekkonto nº 698-55 Paris.

## SCIENCAJ & TEKNIKAJ VERKOJ

| | Fr. fr. |
|---|---|
| **Vocabulaire Technique et Technologique Français-Esperanto** (Verax) | 4.— |
| **Enciklopedia Vortareto Esperanta** (Verax) | 12.— |
| **Provo de Marista Terminaro** (Rollet de l'Isle) | 2.50 |
| **Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio** (Rousseau) | 12.- |

(Ĉe la LIBRAIRIE CENTRALE ESPÉRANTISTE, 51, rue de Clichy, Paris.)

| | |
|---|---|
| **Maŝinfaka Esperanta Vortaro prielementa** (Wüster) | —.— |
| **Enciklopedia Vortaro** *(I-a kaj II-a parto)* (Wüster) | —.— |

(Ĉe FERDINAND HIRT & SOHN, Leipzig.)

| | |
|---|---|
| **Internacia Radio Leksikono seslingva** (D-ro P. Corret) | 5.— |

(Ĉe Librejo CHIRON, 40, rue de Seine, Paris.)

| | |
|---|---|
| **Raporta Stenografio**, alfaro de la angla sistemo Pitman al Esperanto (Montagu C. Butler) | —.— |

## TEKNIKAJ REVUOJ

**Internacia Medicina Revuo**, jarabono 1 dolaro ; abonejo : D-ro Briquet, 31, rue de la Bassée, Lille, France.

**Internacia Radio-Revuo**, jarabono 0,5 dolaro ; abonejo : M. Chiron, éditeur, 40, rue de Seine, Paris, France.

CENTRA PRESEJO ESPERANTISTA (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris.